# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO IV. SOFIA — BULGARIO
JULIO — SEPTEMBRO, 1960, № 3

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## LA ĜENERALA FAKKUNVENO DE TEĴA

*En la kadroj de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto ĉi-jare en Bruselo okazis nia tradicia Ĝenerala fakkunveno. Ree renkontiĝis ĵurnalistoj-esperantistoj el multaj landoj, kiuj kune kun la multnombra kongresanaro trapasis dekon da tagoj en serioza kongreslaboro kaj amikeca amuzo.*

*La fakkunveno de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio okazis la 5-an de aŭgusto, vendrede, eu la saloneto A de la kongresejo. Ĉi-jare la kongreson en Bruselo partoprenis nur la prezidanto kaj la sekretario de nia Asocio s-anoj Olav Thormodsen kaj D-ro Dino Fabris. Ĝis la lasta momento oni atendis la redaktoron Ivan Esperov, kiu malfeliĉe ne ricevis ĝustatempe vizon kaj pro malfruiĝo ne vojaĝis. Ambaŭ ĉeestintaj estraranoj prizorgis la konvokon de la fakkuveno kaj preparis la tagordon, interkonsiliĝinte kun aliaj Teĵanoj.*

*Ĉar en la lasta momento la karavano per kiu vojaĝis s-no Thormodsen, forveturis, nia estimata prezidanto forlasis la kunvenon. Do, nia Ĝenerala fakkunveno estis sukcese gvidita de la sekretario D-ro Dino Fabris. Li varme salutis la ĉeestintajn Teĵanojn en la nomo de la prezidanto kaj de la tuta Estraro, klariginte la kialojn (la atendado de aliaj estraranoj), pro kiuj la kunveno ne komencis en la anoncita tago.*

*D-ro Fabris raportis pri la farita laboro dum la lasta jaro de la Estraro de TEĴA, de la Sekretaria Oficejo kaj de la redaktoro. Li informis, ke la estraranoj ŝanĝadis inter si rond-leterojn, opiniojn kaj proponojn, interkonsiliĝis pri ĉiuj gravaj asociaj aferoj kaj problemoj, preninte la decidojn kolektive. Estis decidite sendi cirkulerojn al la membroj de TEĴA por pli gravaj demandoj kaj informoj, por ke la Estraro havu eblecon pli regule kontaktiĝi kun la Teĵanoj. Tuŝinte la demandon pri nia Turisma Servo, s-ano Fabris diris, ke li akceptas la proponon de s-ino Tatjana Evstratieva el Sofio, starigitan en „Internacia Ĵurnalisto". Do, s-ano Fabris restos je dispono de ĉiuj niaj membroj, dezirantaj vojaĝi eksterlanden por viziti siajn kolegojn-ĵurnalistojn. Provizore, ĝis kiam la afero pligrandiĝos li (kaj la Sekretaria Oficejo) gvidos la Turisman Servon. La ĉeestintaj Teĵanoj akceptis bonvole tiun helpon de la Sekretaria Oficejo kaj de la sekretario mem.*

*Ĉar la helpsekretario s-ino Maria Vogel ne plu povas helpi pro gravaj konsideroj, D-ro Fabris proponis, ke oni akceptu ŝian deziron nerifuzeblan forlasi la Estraron de TEĴA. La propono estis akceptita. Oni esprimis koran dankon al s-ino Vogel por ŝia sindona ĝisnuna helpo kaj laboro. La Sekretario proponis kaj la ĉeestintoj akceptis, ke li trovu en sia urbo aŭ lando aŭ kiel eble plej proksime al li iun konvenan membron de TEĴA, kiu helpu lin en lia sekretaria kaj kasista laboro, ĉar la laboro pligrandiĝas.*

*La fakkunveno de TEĴA pridiskutis ankaŭ la demandon pri la partopreno de TEĴA kaj de apartaj Teĵanoj en la laboro de la Internacia Ĵurnalista renkontiĝo, kiu okazos aŭm oktobro en Aŭstrio. Oni konstatis, ke sendube, nia Asocio devas diri sian starpunkton en tiu Internacia Ĵurnalista renkontiĝo pri la utilo de Esperanto, raporti tie, pri la celoj kaj taskoj de TEĴA. Oni decidis, ke tiuj estraranoj, kiuj povas, partoprenu la Internacian renkontiĝon en Baden (apud Vieno). Dezirinde estas, se ankaŭ aliaj Teĵanoj povus vojaĝi al Baden. Ĉiuokaze, la fakkunveno ŝarĝas tri Teĵanojn el Aŭstrio, nome D-ron E. J. Görlicg, Messenhausergasse 4/2, Vieno III, s-anon Franz Höfert, Panzinger Strasse 121, Vieno 89, XIV, kaj s-anon Alois Hilkersberger, Lötzwerg 15, Landcok, Tirolo—partopreni en la nomo de TEĴA la ĵurnalistan renkontiĝon, se aliaj Teĵanoj ne sukcesos vojaĝi al Aŭstrio.*

*Oni pritraktis ankaŭ la demandojn pri la pago de la membrokotizo flanke de ĉiuj membroj kaj pri la regula kunlaborado al nia organo „Internacia Ĵurnalisto", pri la necesa helpo al nia redaktoro. Pri la unua demando oni proponis la eblecon uzi la internaciajn stelojn. Interesa estis la diskuto pri la kunlaborado al nia organo. S-anoj Avoto Thomson el Britlando kaj Violin Oljanov el Bulgario esprimis la opinion, ke oni nepre ekvilibru la materialojn de „Internacia Ĵurnalisto" per kontribuaĵoj de ĉiuj orientaj kaj okcidentaj landoj, ke estas necesa pli aktiva kunlaborado flanke de la okcidentlandaj kolegoj. Ankaŭ aliaj ĉeestantoj parolis pri la redaktado de „Internacia Ĵurnalisto", pri la pritraktindaj temoj ktp. F-ino Zlata Flego el Jugoslavio tuŝis la demandon pri la neceso plifortikigi la Interŝanĝan Servon de TEĴA, S-ano M. Ĝivoje anoncis pri la apero de inreresa scienca romano — „Tragedio en universo", tradukita en esperanton el serbo-kroata lingvo de Ivo Rotkvič, pri kiu nia organo aperigu recenzon.*

*La sekretario Fabris raportis ankaŭ pri la organiza stato de nia Asocio. La nombro de Teĵanoj kreskis ĝis 217 el 27 landoj — post la lastaj aliĝoj. En la aperigota cirkulero de la Estraro, laŭ la deziro de la partoprenintoj, oni publikigos statistikon.*

*La ĝenerala fakkunveno de TEĴA daŭris du horojn. Ĉiuj partoprenintoj kaj precipe la s-anoj Thomson, Oljanov, Flego, Ĝivoje, Giloteaux el Francio k. a. aktive diskutis la starigitajn demandojn. La prenitaj decidoj estas unuanimaj. Posttagmeze, post la fermo de la kunveno, s-ano Violin Oljanov raportis pri ĝi kaj pri niaj laboroj kaj decidoj antaŭ la Dua ĝenerala kunveno de la Univerlsala Kongreso de Esperanto.*

# PLI VIGLAJ KAJ PLI INTERESAJ PROFESIAJ INFORMOJ

La Fakkunsido de TEĴA dum la 45-a UE Kongreso en Bruselo pridiskutis, inter alie, la problemon de la eldono de nia organizaĵo la revuo „Internacia ĵurnalisto". Ĉiuj parolintoj esprimis la opinion, ke la revuo nepre devas esti plibonigita kaj klopodis antaŭ la TEĴA membraro por pli vigla kunlaborado al la revuo.

Eĉ ĝis nun — tri monatoj post la kongreso, en la redakcio estas ricevintaj neniaj materialoj de niaj TEĴA-noj. Ĉiu kolego-ĵurnalisto povas imagi en kia stato troviĝas la redakta komitato de la ĵurnalo kaj ties malfocilaĵoj en kolektado de materialo por ĉiu sekvanta numero.

Menciante pri neceseco de interesaj profesioj materialoj, ni devus ĝustigi tiun penson ĉar de tio dependas ankaŭ la intereso, kiu provokus la revuo inter la membraro de TEĴA.

Por mi, kiel ĵurnalisto, estus ege interese legi informojn pri la vivo de iuj ĵurnalistaj organizaĵoj en eksterlando, pri la diskutoj de diversaj profesiaj problemoj, same kiel pri interŝanĝo de ĵurnalistoj el reciprokaj redakcioj ktp.

Estus vere interese, se iu kolego rakontus pri siaj metodoj de profesia laboro, ekzemple, kiamaniere li kolektas kaj preparas la materialon pri unu raportaĝo, publicista artikolo, aŭ pri la problemo el lia kompetenteco. Ĉar ni ciuj profesiistoj bone scias, ke de la sperta anticipa laboro, antaŭ ol verki la materialon, dependas ĝia kvalito, ĝia kuriozeco ktp.

La televido eniras ĉiutage pli profunden la vivon en plej vastaj medioj kaj fakoj kaj pro tio estus bone, se iu sperta televidraportanto rakontus pli detale pri sia laboro — ĝia organizo, ĝia plenumo, ĝiaj rezultoj ktp.

La kampo de la ĵurnalista agado estas nelimigita kaj vere interesa ne nur por profesiuloj sed ankaŭ por pli vastaj medioj de esperantistoj, kiuj eventuale dezirus kunlabori de tempo al tempo, per diversaj materialoj, kiuj pliriĉigus la enhavon de nia profesia revuo.

La redakcio de „Internacia ĵurnalisto" ege bedaŭras, ke ĝis nun, eĉ post la fakkunsido dum la 45-a UEK en Brurselo, la kunlaborado de niaj Teĵanoj estas nesufiĉa kaj pro tio la eldonado de nia revuo enbarasiĝas; pro tio ĝia enhavo ne estas sufiĉe varia kaj interesa.

La redakcio ankoraŭfoje alvokas ĉiujn kolegojn-ĵurnalistojn kaj kunlaborantojn de gazetaro al aktiva kunlaborado de nia profesia — teĵana revuo, kiu devas estiĝi vera tribuno de ŝanĝo de profesia sperto kaj interesa informado.

**Donĉo Ĥitrov**

PAGU VIAN ABON — KAJ MEMBROKOTIZON!
VARBU NOVAJN MEMBROJN POR NIA TEĴA!

# INTERŜANGA SERVO DE TEĴA

Unu el la ĉefaj taskoj de nia asocio estas organizi kaj helpi la kunlaboradon inter siaj membroj — ŝanĝo de artikoloj, fotografaĵoj, informoj kaj aliaj ĵurnalistaj materialoj. Per tiu servo ni pruvos al la diversaj redakcioj, presagentejoj, radio-kaj televidcentroj, ke nia asocio kaj esperanto estas utilaj kaj necesaj.

Kiamaniere funkcias la Interŝanĝa servo de TEĴA?

Teĵanoj, dezirantaj kunlabori kaj interŝanĝi materialojn kun siaj kolegoj devas verki artikolojn pri interesaj problemoj, pri kiuj ili speciale kompetentas: kulturaj, ikonomiaj, politikaj, literaturaj, sportaj, fakaj ktp. Tajpitaj en 3—4 ekzempleroj, la verkitaj materialoj devas esti senditaj al la Gvidanto de la Interŝanĝa Servo s-no **D. Nörgaard Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg, Danlando.**

La proksima numero de „Internacia ĵurnalisto" publikigos regule la titolojn, la amplekson, la temon kaj la aŭtorojn de la ricevitaj en la Servo materialoj. La artikoloj estas je dispono al ĉiuj teĵanoj, ili povas liveri por si tiun artikolon, kiu interesas ilin.

Oni petu la anoncitan artikolon ĉe la gvidanto de la Servo, sendante al li du internaciajn respondkuponojn — unu por la afranko kaj la alia por la asocia kaso.

Ricevinte la deziratan artikolon, la petanto tradukas ĝin sen gravaj modifoj kaj prizorgas ĝian aperon en nacia gazetaro. La artikolo portas ne nur la nomon de la aŭtoro, sed ankaŭ la nacilingvan mencion „tradukita el esperanto". Post la apero de la artikolo estas rekomendinde, ke la tradikinto sendu al la aŭtoro ekzempleron de la gazeto, ĵurnalo, libro en kiu ĝi estas aperinta. Eble, la aŭtoro kaj la tradukinto ricevos la decan rekompencon (honorarion), se la koncerna redakcio aŭ eldonejo havas la praktikon pagi honorariojn.

Ni ne nur petas la unuopajn kolegojn, sed ankaŭ la grupojn, la sekciojn, iliajn gvidantojn, ke ili postulu de siaj membroj konvenajn artikolojn por nia Interŝanĝa Servo.

La interŝanĝo de artikoloj estu nia konstanta praktika profesia laboro!

La Interŝanĝa Servo atendas la kontribuaĵojn!

**Estraro de TEĴA**

*LIBERA TRIBUNO*

# PRI LA INTERŜANĜA SERVO DE TEĴA

„En „Internacia ĵurnalisto" kaj en kelkaj fakkunvenoj de TEĴA oni pritraktis la gravan demandon pri la Interŝanĝa Servo de nia asocio. Ĉiuj substrekas ĝian gravecon kaj utilon por nia profesia kunlaborado, kaj eĉ por nia esperanto-movado.

Bedaŭrinde, pro subtaksado de tiu grava nia servo flanke de iuj Teĵanoj, ĝi ankoraŭ ne funkcias rezultodone. Ĉiuj ni tamen estas konvinkitaj en ĝia utilo kaj neceso.

Por plivigligi la Interŝanĝan Servon de TEĴA mi proponas la jenon:

La restadejo de la Interŝanĝa Servo devas resti en Silkeborg, Danlando, sub la gvidado de s-ano G. Nöargaard Jepsen, kiu favore rilatas al sia tasko. Tamen, ĉar malgraŭ la alvokoj de nia Estraro, preskaŭ neniu Teĵano prenis sur sin la taskon fariĝi peranto de la Interŝanĝa Servo, laŭ mi, perantoj de la servo devas fariĝi la koncernaj komitatanoj kaj reprezentantoj de TEĴA en la koncernaj landoj.

Jen la motivoj pri tiu mia propono. Unue— a komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEĴA plej bone konas la homojn kaj la kondiĉojn en sia lando. Ili plej facile povas kontaktiĝi kun la Teĵanoj — samnacianoj, helpi kaj instigi ilin al interŝanĝo de gazetmaterialoj. Due—tiu tasko instigos la komitatanojn kaj la reprezentantojn al pli aktiva organiza kaj asocia laboro, tiel ili fariĝos veraj agantoj de TEĴA kaj gvidantoj de niaj aferoj en siaj landoj.

Se tiu mia propono estus akceptita de la Estraro, mi esperas, ke nia asocio plifortikiĝos.

**Hristo Ĉavdarov**, Sofia

PLIMULTIGU NIAJN MEMBROJN!

VARBU NOVAJN TEĴANOJN!

TEĴANOJ, PROPAGANDU NIAN KOMPRENILON — ESPERANTO!

## MALSAMA TRAKTADO

Jen estas sentenco, laŭ senco
konata al ĉiu popol':
„Verdire progresa scienco
konvenas al homa bonvol'".
Ĝi helpas sukcese, sencese
alpaŝi al hel-estontec' —
ĝin pruvi ne estas necese,
ĉar ĝi ne kontraŭas al dec'.
Sed ankaŭ scienco sen senco
vegetas en tiu ĉi mond',
mensogo — jen ĝia potenco —
sur sablo metita la fond'.
Pri nia koramo la flama
al lingvo de l'internaci'
traktado ilia malsama
samkiel: bol' kaj stagnaci'.
L' unua kun flata rilato
al nia utila afer',
la dua sen ajna kompato
sin donas al mort' ol la ver'.
Ĉi-malamikinoj — fratinoj
delonge en interbatal',
sed scias ni; en la finfinoj
la duan, ĝin trafos forfal'.

**Canko Murgin**

## SENZACIA VERKO

La tuta jugoslavia ĵurnalaro, radio, televido kaj legantaro en lastaj semajnoj parolas pri novaperinta senzacia libro „Tragedio en la Universo". La libron verkis grupo de junaj astronomoj-esperantistoj. La libro en sia esenco kaj ideo enhavas la kernon de la „interna ideo" de L. L. Zamenhof. En iuj mezlernejoj 90% da lernantoj aĉetis la libron kaj laŭ aserto de profesoroj, la lernantoj eĉ ploris legante la kortuŝan romanon de siaj samaĝuloj.

La romano parolas pri la emocia kosma sorto de nia planedo Tero kaj de la homaro en okazo de tutpereiga hidroĝena milito. La kritiko substrekas plejparte la profundan humanecon de la libro. La romano estas presita en trioble pli granda kvanto ol la kutima en Jugoslavio kaj oni jam preparas la duan eldonon. La romano estas jam tradukita, laŭ la peto de la junaj astronomoj, en esperanton de nia meritita majstro s-ano Ivo Rotkviĉ. Ekverkante la romanon la junaj aŭtoroj ne estis ankoraŭ esperantistoj. Skribante pri la kaŭzoj de pereo de la homaro, ili mencias ke nia kosme eta planedo estis dividita je cento deŝtatoj kaj popoloj kaj trimil lingvoj! La junaj aŭtoroj proklamis „internacian lingvon esperanto kiel unuuran logikan solvon de mondlingva problemo". Dum s-ano Rotkviĉ tradukis ilian verkon, la aŭtoroj esperantistiĝis. El ilia verko oni preparis radiodramon. Ankaŭ aliaj astronomoj parolas kaj lernas esperanton. Oni endukis en nian observatorion regulajn astronomiajn prelegojn en esperanto. Tiamaniere la observatorio fariĝis ververe „verdstela observatorio".

La aŭtotoj preparas ankaŭ scenaron por grandstila filmo titolita „Ni ja volas vivi". Ĉe tiu filmo la plej interesa estas, ke en ĝi estos uzata la lingvo esperanto, parolata de la raciaj estaĵoj, loĝantoj de la planedo „Racio" en la universo. Preskaŭ la duono de la filma teksto estos en esperanto. La „racianoj" eĉ trovos, post la terurega hidroĝena milito sur la Tero la du ankoraŭ vivantajn estaĵojn ludantaj la ĉefajn rolojn en la filmo, kiuj ankaŭ parolas esperanton.

Tiel ni havos finfine la unuan veran esperanto-esperantistan filmon en la mondo!*

**D-ro Gabriel Divjanoviĉ**
Direktoro de la Astronomia observatorio
Zagreb, Jugoslavio

* La artikolo, speciale sendita al „Jnternacia Ĵurnalisto", estas iomete mallongigita pro manko de spaco.

## GRAVA KULTURA LABORO

Profesoro Giovanni Saggiori, prezidanto de Esperantista grupo en Padova, pioniro de UEA kaj aktiva esperantisto, aranĝis la tre interesan broŝuron „Lev Nikolaeviĉ Tolstoj (1828—1910)" —okaze de la 50-a datreveno de lia morto. La broŝureto entenas la artikolon „Unu amiko de esperanto" en kvinlingva traduko—itala, franca, angla, germana kaj Esperanto kaj estas eldonita de Eederazione Esperantista Italiana, Corso G. Galilei, 22, Torino.

La broŝuro estis verkita okaze de la Internacia kunveno honore al la granda rusa verkisto Tolstoj, okazinta en Venezia, Italio, je 29 junio ĝis 2 de julio 1960. La kunvenon partoprenis famaj sciencistoj kaj verkistoj el multaj landoj inter kiuj — la ĝenerala sekretario de la verkistoj en USSR—N. Gusev, lordo D. Cecil, J. Don Passos, S. De Mariaga, P. Emmanuel, abbé Pierre, indaj verkistoj kiel J. Narajan, Raja Rao, J. Kumar kaj la italaj Silona, Moravia, Bacchelli, Carnelutti, Venturi ktp.

Prof. Saggiori interkonatiĝis kun s-ano Lebrun el Marsejlo, invitita al la Internacia kunveno mem kiel amiko kaj gasto de Tolstoj de 1900 ĝis 1910. Dum la kunveno s-ano Lebrun raportis pri sia libro „Vivo kun Tolstoj", verkita en lingvoj rusa, franca, esperanto kaj li pritraktis la favoran opinion de Tolstoj pri esperanto. Poste la ĉeestintoj legis la disdonitan al ĉiuj broŝureton de s-ano Saggiori (Saĝĝjori).

Tiel, dank'al klopodoj de la ambaŭ s-anoj Saggiori kaj Lebrun, esperanto estis uzita kaj pridiskutita en tiu ĉi grava internacia konterenco.

**D-ro Dino Fabris**

# JURNALISTA KRONIKO

**Antaŭ la Dua universala renkonto de la ĵurnalistoj**

L Internacia komitato por kunlaborado inter la ĵnrnalistoj eldonis bultenon dediĉitan al la antaŭŝtbranta de 18 ĝis 22 de oktobro en Baden, apud Vieno, Aŭstrio, Dua universala renkonto de la ĵurnalistoj

La bulteno publikigas plurajn leterojn kaj informojn el la kvin kontinentoj, kiuj parolas pri la granda intereso de la ĵurnalistoj kaj ties organizoj al la renkonto. Laŭ anticipaj informoj, la renkonton partoprenos ĵurnalistoj el pli ol 60 landoj.

**Tagordo de la universala ĵurnalista renkonto**

La Internacia komitato por interĵurnalista kunlaborado anoncas la jenan tagordon de la Dua universala renkonto:

1. Kiel faciligi la plenumon de la ĵurnalistaj profesiaj devoj.
2. La problemoj de la gazetaro kaj la radio en la postrestantaj landoj.
3. La moralo de la ĵurnalista profesio.

**TELEVIDO EN SERVO DE LA INTERNACIA INTERKOMPRENIĜO**

De 29 junio ĝis 1 julio ĉ. j. en Parizo okazis la organizita de UNESKO koferenco de reprezentantoj de la naciaj servoj de televido-dissendoj, kiu havis kiel ĝeneralan temon por diskuto la raporton „Televido en servo de la internaciaj interrilatoj".

La konferencon partoprenis reprezentantoj el Francio, Ĉeĥoslovakio, Sovet-Unio, Meksikio, Japanio, Pollando, Italio, Usono, („Columbia Broadcasting System"), Kanado („Canadian Broadcasting Corporation") kaj la Federala Germana Respubliko („Norddeutcher Rundfunk").

En sia salutparolado al la partoprenintoj la konferencon la generala direktoro de UNESKO s-ro V. Veroneze anoncis, ke laŭ la informoj kaj statistikoj de UNESKO en la tuta mondo ĉiutage estas aĉetataj 10 mil novaj televidaparatoj kaj la nombro de spektatoroj pliatiĝas per 50 mil da personoj. Baldaŭtempe televidaj centroj estos kreitaj en 15 ŝtatoj en Afriko, latina Ameriko kaj Azio.

La partoprenintoj la konferencon pridiskutis problemojn rilate la plifirmiĝon de la kunlaborado de la televidaj servoj el diversaj landoj por establiĝo de bonaj kaj amikaj interrilatoj por helpo de la interkompreniĝo inter la popoloj.

Partoprenintoj rekomendis al UNESKO ellabori kune kun la Internacia Konsilantaro por kinematografio kaj televido la rimedojn por organizado kaj interŝanĝo de programoj, direktitaj al la plifirmiĝo de la internacia interkompreniĝo kaj kunlaborado, kaj establigi Internacian Premion, kiu estu disdonata al la plej bona televida programo.

**„MIA PATRUJO"**

**Internacia konkurso de infana desegnado kaj pentrado**

Sub la protektado de la Pola Komitato por la Aferoj de UNESKO la Pola Radio organizas Internacian Konkurson de infana desegnado kaj pentrado. Laŭ la konkursa regularo, la temo estas „Mia patrujo". En la regularo estas anoncitaj ĉiuj aliaj kondiĉoj por partopreno en la konkurso. Teĵanoj, kiuj deziras helpi iamaniere la konkurson, bonvolu sin turni al la Komitet do spraw radiofonii „Polske Radio", Varsovio, Pollando, por peti la regularon kaj aliajn informoln.

**1400 artikoloj en unu gazeto!**

La aperanta en Bydgoszoz, Pollando, en 100 000 ekz. (dimanĉe en 125 000 ekz.) pollingva ĵurnalo „Ilustrowany Kurier Polski" ĝis nun aperigis pli ol 1400 artikolojn, informojn ktp pri esperanto, inter ili represitaj el „Internacia ĵurnalisto" materialoj, artikolo de vietnamia ambasadoro Nguyen Van Kinh sub titolo „Esperanto kaj aziaj popoloj", ĉerpita el „Nuntempa Bulgario" k. a.

Tiun grandan sukceson la ĵurnalo ŝuldas al nia agema Teĵano redaktoro Kazimierz Malycha, laboranta en la redakcio.

**LA ASOCIO DE LA IRAKAJ ĴURNALISTOJ NOVA MEMBRO DE JOĴ**

La Ekzekutiva komitato de JOĴ kun kontentigo akceptis la peton de la Asocio de la irakaj jurnalistoj por membriĝo en JOĴ. La Ekzekutiva komitato decidis akcepti la irakajn ĵurnalistojn kiel membrojn de la Internacia Organizaĵo de la Ĵurnalistoj kaj alportos tiun decidon al la sekvonta kongreso de JOĴ, por ke ĝi estu aprobita.

La Ekzekutiva komitato ordonis al la generala sekretariato sendi al la Estraro de la Asocio de la irakaj ĵurnalistoj telegramon, kiu anoncas al la Asocio pri ĝia akcepto en JOĴ kaj esprimas la fratajn bondezirojn por fruktodonaj kreaj sukcesoj en la laboro de la irakaj ĵurnalistoj por la bonstato kaj la prospero de ilia juna respubliko.

# Ricevitaj esperantaĵoj

R a v e n n a — dua eldono de la 32 paĝa, riĉe kolorilustrita esperanta gvidlibro de la fama, antikva urbo Ravenna (Italio). Oni povas ricevi senpage specimenon, mendante ĝin per simpla poŝtkarto al Esperanto-grupo, Piazza Anita, N-ro 1, Ravenna, Italio, aŭ al: Azienda Autonoma Soggiorno e Turismo, Via 13 Giugno, Ravenna, Italio.

S a l z b u r g—bela kolorilustrita broŝuro-prospekto pri la fama kaj pitoreska aŭstra urbo. Eldonis: Urba trafikoficejo en Salzburg, Aŭstrio.

J u ĝ u m e m — 88 paĝa libreto kun detalaj faktoj—historiaj, ekonomiaj, politikaj, kulturaj ktp—pri Ĉeĥoslovakio. La broŝuro aperigis la granda ŝtata eldonejo ORBIS kaj gi estas havebla kontraŭ unu respondkupono ĉe Ĉeĥoslovakia Esperanto-komitato, str. Blaniska 4, Praha 12, Ĉeĥoslovakio.

P o l a j O k c i d e n t a j k a j N o r d a j T e r i t o r i o j — 48-paĝa ilustrita broŝuro kun historiaj, ekonomiaj ktp faktoj pri la novaj teritorioj de Pollando. Eldono de Powszechna Agencja Reklam, ul. Bagatela 14, Warszawa, Pollando.

H o m o — binditaj koloreilustrita poŝtkartoj, repoduktitaj artpentraĵoj de famaj ĉinaj pentristoj. Bildkarto Serio I. Eldonis: Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 77, Pekino, Ĉinio.

L a s o m e r r e s t a d e j o j „V a r n a“ kaj „L a O r a S t r a n d o“—16-paĝa, kolorilustrita broŝureto-prospekto pri la famiĝintaj somerrestadejoj „Varna“ kaj „La Ora Strando“ sur la bulgara marbordo de Nigra maro. Eldonis „Balkanturist“, entrepreno pri turismo, placo Lenin 16, Sofia, Bulgario.

P r i l a v o r t f a r a d o e n E s p e r a n t o — 24-paĝa broŝuro—Oficiala bulteno de la Akademio, N ro 2, 1959 jaro. Aŭtoro de la broŝuro estas J. R. G. Isbrucker, prezidanto de la Akademio. Represita el „Esperantologio“. Adreso: Wassenaarseweg c Hago, Nederlando.

K i e a b u n d o e s t a s m a l o f t a k a j l a m a n k o p l i m a l o f t a — 32-paĝa ilustrita broŝuro kun interesaj geografiaj, ekonomiaj k. a. faktoj pri Danlando. Eldonis la Ministerio pri Eksterlandaj aferoj.

P o l s k i e R a d i o 1944—1959 — ilustrita broŝureto pri la disvolviĝo de la pola radio,kiu disaŭdigas ankaŭ en Esperanto. Aldone ni ricevis la programon de Radio Warszawa presita esperante pri la esperantaj disaŭdigoj de 15 aprilo ĝis 15 oktobro j. k.

K a s t e l o M ü n c h e n w i l e r — prospekto pri la konata kastelo apud Murtenmorat, Svislando, kie okazos feriaj kultursemajnoj: Esperanto kaj Geonismo. Liveras: Geoniaj Eldonoj, D-ro W. Perrenoud, Faubourg Gare 13, Neuchâtel, Svislando.

P e n s i o n e R i s t o r a n t e E s p e r a n t o — faldfolia prospekto ilustrita, en itala lingvo.

K i o n v o l a s l a n a z i i s t o j? — 2-paĝa esperanto eldonaĵo de Esperanto-rondo de Uzina Klubo ROH de „Skoda“ — uzinoj Kopeckeho sady, Plzen, Ĉeĥoslovakio.

M e t o d o E l e m e n t a r d e E s p e r a n t o — 224 paĝa lernolibro en portugala lingvo, cpeciale por radio, dua eldono. Verkita de prof. C. Torres Pastorino. Eldono de Brazila Esperanto - Ligo, Rio de Janeiro 1959 j. Prezo Cr 150,00, aŭ 15 steloj, aŭ egalvaloro.

E l e k t i t a j p o e m o j d e C a s t r o A l v e s — 188-paĝa poemaro, eldonita de Universitato Te Bahia (Ministerio de Edukado kaj Kulturo), Zamenhof-Jaro 1959. Tradukis L. H. Knoedt. Valora poemaro kontribuanta por la propagando per la Internacia Lingvo de la brazila literaturo kaj kulturo. Havigebla kontraŭ alilandaj libroj aŭ binditaj jarkolektoj de revuoj, proksimume samvaloraj al 20 steloj por unu ekzemplero. Adreso: Associacao Bahiana de Esperanto. Av. 7 de Septembro, 28 — Salvador, Bahia, Brazilo.

Z a m e n h o f — i n i c i a d o r d o E s p e r a n t o d e A. L o p e z L u n a — Memoriga 176-paĝa libro pri Zamenhof, tradukita en portugalan lingvon de Carlos Domingues. Eldonejo Irmaos Pongeti, Rio de Janeiro, Brazilo, prezo Cr 160,00, aŭ 16 steloj, aŭ egalvaloro.

A n o Z a m e n h o f — traduko en portugala lingvo de la broŝuro Zamenhof — Jaro, farita de H. Kocher, Brazila Esperanto - Ligo, prezo: Cr 10,00, aŭ 1 stelo, aŭ egalvaloro.

M e t o d o E l e m e n t a r d e E s p e r a n t o — 58 paĝa lernolibro, speciale por radio verkita ekzercoj. en portugala lingvo de prof. C. Torres Pastorino. Eldonis Brazila Esperanto-Ligo, prezo 30,00 aŭ 3 steloj, aŭ egalvaloro.

S e n t e n t a a n o s d e L i n d u a I n t e r n a c i o n a l — la broŝuro „70-jaroj de Internacia Lingvo“ de D-ro Ivo Lapenna, tradukita en portugalan lingvon de Geraldo Padua, Eldonis Brazila Esperanto-Ligo, prezo Cr. 10,00 aŭ 1 stelo, aŭ egalvaloro.

S u d t i r o l o e n l a j a r o 1960—64-paĝa libreto de Hugo Steiner, liveras la aŭtoro—Internacia Esperanto-Muzeo, Wien, 1 Hofburg, Aŭstrio.

# ORGANIZAJ INFORMOJ

Por plifortigi siajn ligojn kun la membraro de TEĴA la Centra Estraro decidis sendi de tempo al tempo, laŭ bezonoj, letercirkulerojn al ĉiuj Teĵanoj. Tiu decido estis konformita de la Ĝenerala fakkuneno de TEĴA en Bruselo.

La unua cirkulero jam estas sendita kaj certe ricevita de la membraro. Ĝi estas adresita al ĉiuj ĵurnalistoj aliĝintoj al TEĴA. Per la cirkulero la Sekretaria Oficejo informas niajn anojn pri la okazinta fakkunveno de nia Asocio en Bruselo, pri la diskutitaj demandoj kaj prenitaj decidoj. Laŭ la peto de la partoprenintoj, la cirkulero publikigas statistikon pri la membraro de TEĴA.

La nombro de la membraro kreskis ĝis 217 el 27 landoj post la lastaj aliĝoj. Laŭ la landoj la Teĵanoj distribuiĝas jene: Aŭstrio — 3 membroj, Bulgario— 50, Britlando—5, Ĉehoslovakio — 11, Ĉinio — 1, Danlando — 3, Egiptio — 1, Francio — 8, Germanio (Okcidenta) — 3, Germanio (Orienta) — 1, Hispanio — 2, Hungario — 3, Indonezio — 1, Italio — 4, Izraelo — 3, Japanio — 2, Jugoslavio — 18, Koreo — 3, Nederlando — 4. Norvegio — 3, Pollando — 20, Rumanio — 8, Sovet Unio — 39, Finnlando — 1, Svedio — 9, Svislando — 1, Vietnamio — 10.

El ĉiuj membroj nur 69 respondis al la enketo de la Estraro, kiun decidis antaŭ du jaroj la fakkunveno de TEĴA en Mainz. Por fini la enketon sukcese, la Sekretario D-ro Dino Fabris sendis enketilojn al ĉiuj membroj, kiuj ankoraŭ ne respondis al la enketdemandoj. La membroj, kiuj ne ricevis la enketilon, bonvolu peti ĝin de la Sekretario.

Por ordigi la aferon kun la pagado de la membrokotizo, la Estraro decidis estonte sendi rekte al la paginto ĉiufoje kvitancpaperon, el kiu li povos tendi el la angulo malgrandan markon kaj glui ĝin sur la membrokarton jaron post jaro. Ni esperas, ke tiamaniere la membroj ne nur konstatos la regulan ricevon de siaj jarkotizoj, sed ankaŭ ke la nepagintoj estos instigataj pagi regule la ĉiujaran kotizon. Tiuokaze la Estraro ree turnas sin al la membraro subteni materiale kaj morale la Asocion, kies gravecon ĉiuj komprenas, kaj pagi al la Sekretari-kasisto (Prof. D-ro Dino Fabris, Cittadella — (Padova), Borgo Bassano 5, Italio) la jarkotizon per internaciaj respondkuponoj, aŭ steloj, usonaj dolaroj, per alia mono aŭ poŝtĉeko — laŭ la eblecoj. La anoj de la orienteŭropaj aŭ aliaj landoj povas pagi rekte al la Redaktoro de „Internacia ĵurnalistto" s-ano Esperov en Bulgario.

La cirkulero n-ro unua de la Estraro mencias ankaŭ pri la Internacia ĵurnalista renkontiĝo en Baden (apud Vieno — Aŭstrio), substrekante ĝian gravecon. La reprezentantoj de TEĴA en tiu renkontiĝo devas altiri la atenton de la ĉeestontoj—ĵurnalistoj el la tuta mondo al nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, al la utilo de esperanto por interĵurnalista kunlaborado, por interŝanĝo de informoj ktp.

Fine la Estraro de TEĴA ankoraŭfoje atentigas pri la ekzisto de nia Interŝanĝa Servo—tre grava branĉo de nia Asocio kaj eĉ propagandebleco por nia tuta movado. Ĉiuj geanoj devas profiti ĝin. Ĉenerala peranto de nia Interŝanĝa Servo estas: G. Nörgaard Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg, Danlando. Ĉiuj Tae Teĵanoj, kiuj estas pretaj preni sur sin la perantecan taskon de interŝanĝo de gazetmaterialoj por sia lando, bonvolu sin anonci al la Sekretaria Oficejo kaj al la Redakcio de „Internacia ĵurnalisto".

## Anoncetoj

— La redakcio de „Internacia ĵurnalisto" invitas ĉiujn TEĴA-membrojn al konstanta kunlaborado al sia presorgano. Kolegoj, sendu artikolojn, informojn, sciigojn, belartajn materialojn pri via organiza kaj profesia laboro. Donu anoncojn pri kontaktiĝo kaj kunlaborado kun teĵanoj, menciante la temojn kaj la manieron de kunlaborado.

*

— Teĵanoj, kiuj deziras vojaĝi eksterlanden, viziti siajn eksterlandajn kolegojn, bonvolu sin turni al la Sekretario de TEĴA-Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio, menciante siajn dezirojn kaj intencojn: kien, kiam, kiacele ili deziras vojaĝi kaj ĉe kiaj kondiĉoj.

*

— Membroj de TEĴA, por ke la Asocio povu regule kaj fruktodone funkcii kaj labori ni devas ĝin subteni finance. Teĵanoj, kiuj ankoraŭ ne pagis la membrokotizon por la pasinta kaj la kuranta jaro, bonvolu tuj pagi la membrokotizon al la Sekretario-kasisto aŭ al la redakcio de „Internacia ĵurnalisto".

## *ESTRARO DE T. E. J. A.*

*P r e z i d a n t o — Olav Thormodsen, Box 132* ***Haugesund,*** *Norvegio.*

*V i c p r e z i d a n t o — Niilo Kavenius. Niklaksenkatu 10/14,* ***Turku*** *9, Norvegio.*

*S e k r e t a r i o - k a s i s t o — D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5.* ***Cittadella*** *(Padova), Italio.*

*R e d a k t o r o — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98,* ***Sofia*** *2, Bulgario.*

*M e m b r o j: Takaĉ Zeljko, Boŝkoviĉeva 24,* ***Zagreb,*** *Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Matejki 16/8,* ***Wroclaw,*** *Pollando.*

## KOMITATANOJ DE TEĴA

D a n l a n d o — G. N. Jepsen, Skovvangen 17, **Silkeborg.**

S o v e t-U n i o — N. F. Danovskij, Frunzenskij val 2, kv 12, **Moskva** G-270.

R u m a n i o — Ştefan Fremât, str. Gabriel Peri 4, **Bucureşti.**

V i e t n a m i o — Dào-anh kha, Nô Quô-ctê-nou Bv Viêt-nam, **Hanoi** (via USSR).

Ĉ i n i o — Shi Si-wei, ĵurnalisfa fako, Pekina Universitato, **Peking.**

## LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

H u n g a r i o — Marton Lajos, Esperanto Bors-utca 2, **Budapest XII.**

I z r a e l o – Oskar Berman, 6 Shilustrato, **Tel Aviv**

S v e d i o — Karen Salmose, Stallgatan 1, **Ysted.**

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*